II Jaro. XXIV Num. 1918

Decembro.—Madrido




ILUSTRITA REVUO MONATA

OFICIALA ORGANO DE «ZAMENHOFA KAJ ANDALUZIA FEDERACIOJ»



S-RO. FRANCISCO GUITART

Entuziasma pioniro de Esperanto en Vendrell. Delegito de U. E. A. kaj Zemenhofa Federacio

# AL LA ESPERANTISTARO HISPANA

Nova Ero baldaŭ ekkomenciĝos. Oni diras ke, dum ĉi tiu, ĉiama paco regos la Homaron; sed por ke tio efektiviĝu vere, estos necese ke la homoj malaperigu ĉiajn malamojn, kaj por atingi ĉi tion, perfekta interkomprenado estas nepra. La interkomprenado nur estos efika kiam ĝi estos konstanta, kaj por esti konstanta oni bezonas facilan interkomprenilon. Ĉu nacia lingvo povas solvi la problemon? Tute ne; nacia lingvo por la interkomprenado restigos malamojn, eĉ starigos novajn. Ni esperanristoj bone scias ke Esperanto, kun ĝia INTERNA IDEO, estas solvo jam konstatita sufiĉe; tial, ni povas konkludi ke la elpensaĵo de nia kara Majstro estos la lingvo de la PACO.

La praktika spirito de la angloj montras al ni la vojon. La angloj, vidantaj tion, kion malmultaj hispanoj vidis (mi rilatas esperantistoj), post la konkludanta kaj konvinkanta Eksperimento de Eccles, enkondukis Esperanton en multenombrajn lernejojn publikajn, en kiuj infanoj kaj junuloj lernas ĝin, kaj eĉ La Armea Konsilantaro de Granda Britujo oficiale sankciis la instuon de Esperanto al soldatoj en la specialaj kursoj kiujn ili organizis en la postfrontoj cie dum interbatalaj ripozoj. La ordono estis datumata de la Armea Konsilantaro la 24.an de Septembro lasta. En Anglujo, do, nia afero iras bonege, sed ĉi tie, kion fari? Propagandi, propagandi kaj propagandi; konservi konstantan interrilaton; varbi novajn rekrutojn por nia pacarmeo; unuigi niajn penadojn; nutri la sanktan fajron, ne nur konservi ĝin, por ke ĝi estu pli forta kaj atingu veki la intelekton de eminentuloj kaj lumigi iliajn korojn.

Dume, antaŭen! Ĉiam antaŭen, benante la PACAN HORON kaj dezirante feliĉan novjaron prosperigan al la tuta Esperantistaro!

★ ★ ★

# PRI LA ESTONTECO

USONA POLITIKO

Ĉu oni permesos al ni daŭrigi nian entreprenon? Ni respektas ĉiajn opiniojn; ni celas trankvile elmontri la niajn. Ofte, oni parolas pri patriotismo; oni alvokas tradiciajn sentojn de Hispanujo la tradiciemecon, Sed ĉu la tradicion kaj la patriotismon ne difinas malsame sin turnantoj al la pasinto kaj rigardantoj la estonton. Kaj ĉu pri patriotisma kaj tradicia konceptoj povas ekzisti aldonoj aŭ elĉerpoj, kiuj, kvankam subtenantaj tiujn sentojn, modifu ilin grave? Pli klare, pli precize: kiu estas la vera hispana tradicio? Ĉu ekzistas, povas ekzisti, por historiisto, por politikulo, altrudanta devo, tutplendeviga, akcepti absolute la tutan pasinton hispanan? Neniu eĉ la tradiciemeguloj pretendos tion. Kaj tial ke oni ne akceptas absolute la pasinton, ĉu ne estos necese elekti kaj distingi ĝiajn elementojn? Kaj tiu elektado kaj distingado, ĉu ne estas kritiko, ekzameno, analizo?

Ne; ni ne falu en la plej ridindan moralafekton. Ni, homoj de la XX.a jarcento, ne povas resti envicigitaj post Cadalso, de la XVIII.a jarcento! kiu diras al ni per siaj libroj ion sama (aŭ pli kuraĝa), kio hodiaŭ skandalas; nek post Larra, de la XIX.a jarcento, kiu alvenis al ekstremoj pri kritiko, pri analizo, kiujn la nunaj tradiciemuloj volas vidi malpermesataj. Kaj Cadalso kaj Larra—oni povus citi aliajn—estis tiel patrujamantaj, sentis tiel profundan amon por Hispanujo, kiel kiu ajn el la bonintencaj verkistoj, kiuj estis kaj estas ili. Kial ne diri kaj subteni ke al Hispanujo konvenas alproksimiĝi politike kaj ekonomie al Usono, Kia danĝero estas rememorigi al la hispanoj pasintajn erarojn diplomatiajn kaj atentigi ilin por eviti refalon sur la samo? Kaj tial ke post la milito Usono direktos spirite la mondon, kaj ke, tial, de nun, de ĉi tiu momento mem, ni devas adapti nian vivon politikan al la estontaj tedencoj de la universala politiko, ĉu dirante tion oni

dissemas terurajn ideojn revoluciajn? Kaj, tamen, kvankam ni volu resti blindaj, tio estos realaĵo. La mondo tion ekkomprenadas; niaj verkistoj, niaj parlamentanoj ankaŭ fine konvinkiĝos. Kaj tial ke la orientigo, la usonaj tendencoj regos la vivon de la ŝtatoj, nenio pli konvena ol tio studanta tiujn orientigojn kaj tendencojn. Ne nur Usono, la tuta Ameriko, usonaj juristoj kaj juristoj el ĉiuj amerikaj Respublikoj, celas la konstantan pacon kaj ligon de nacioj. Laŭ la tempo antaŭeniras laŭ la militceloj preciziĝas (de la flanko de la Entento), oni vidas ke, je la horo de la paco, la novaj idealoj trudos Asocion de Nacioj. Kleraj regantoj kaj politikuloj vidigis tion al ni per siaj esprimoj publikaj; preciziĝas, konkretiĝas ĉiutage pli kaj pli tiu aspiro universala. Kiam la milito finiĝos, anstataŭ returneniro al tradicia naciismo, estos nekontraŭstarebla aliro tutmonda al internaciismo kaj universalismo. Oni ne povas haltigi la homan penson.

Universalismo estas homamo kaj progreso; supren lokaj partikularismoj ĉiam staras *la homa tipo*, la tipo *Homaro.* Kaj la tendencoj politika, komerca, industria, arta, kaj literatura aspiras unuigi la homon kaj la Homaron: ĉio celas tion. Ĵus mi legis libron de unu el la francaj filologoj plej eminentaj, de A. Meillet, aŭtoro de meritindaj verkoj pri diversaj lingvoj eŭropeaj kaj orientaj, *La Lingvoj'n ĉe la nova Eŭropo*, kaj en ĉi tiu libro estas paĝoj atestantaj universaligantan tendencon de la modernaj societoj. «La civilizacio—diras la verkisto—celas unuecon». La samaj problemoj atentigas spertulojn, sciulojn de Francujo, de Usono, de Japanujo; estas identaj la deziregoj de la industriistoj el ĉie ajn; la Sindikatoj laboristaj de ĉiuj landoj deziras la samajn pliboniĝojn kaj sin agitas pro la samaj celoj; la povanta bankieraro subskribas la kontraktojn saltante landlimojn; fervojaro, gazetaro, komercŝiparo, sciencaj kongresoj, ĉio enkondukas kunigi ĉe unu sola Patrujo la privatajn kaj tradiciajn patrujojn.

Lu plej granda malfacilaĵo la idiomo, ankaŭ aliros al unuiĝo dum la kurado de la tempo. «La civilizacia unuiĝo—diras Meillet—havas tendencon postuli unikan lingvon». «La estontaj nacioj liberaj marŝos al sola societo. Kaj societo ne povas ekzisti sen interkomunikilo. La Asocio de la Nacioj utiligos samtempe ĉefain lingvojn nunajn, kaj, sendube, akcesore, internacian lingvon». «Ne estas, certe; favoraj je la ŝanĝo—aldonas la verkisto—la lingvoj de civilizacio, la lingvoj parolitaj de milionoj da personoj disigitaj sur grandaj teritorioj. Sed, ĉu la lingva ilo ne adaptiĝis al la novaj necesoj? Ĉu la roma Imperio ne unuigis la lingvojn? Kiam estas nepre necesa, la societoj scias forlasi antikvajn kaj arĥaikajn konvinkojn; ĉiuj popoloj havas en siaj historioj paĝojn pritraktantajn gravegajn ŝanĝojn lingvajn; idiomoj atingintaj ĉarman perfektecon, kiel la franca de la XVII.[a] jarcento, daŭrigis siajn evoluciadojn.» «La mondo estos je la tago sekvanta la militon tute malsama, kia estis tiu de Julio de 1914.[a]—finas dirante Meillet—. La politikaj kaj socialaj kondiĉoj novaj, alportotaj de la milito, determinos novan staton lingvan. La malgrandaj demokratioj hodiaŭaj kontentiĝas posedi la malgrandajn linvojn naciajn; la universala demokratio eknaskiĝanta trovos libere sian universalan interkomprenilon.»

Kaj en la triumfon de tiu universaliganta tendenco agas Usono. Tiu estas la politiko de Usono. Tiel rediradis la prezidanto de la granda Respubliko; tion pruvos la agoj.

(Hispane verkis) *AZORIN*

San Sebastiano. Septembro, 1918.

El Madrida jurnalo «A B C».

## RIMARKIGO DE LA TRADUKINTO

Ne nun, nek post la milito, la politikaj kaj socialaj kondiĉoj ĉe la mondo altrudas kaj altrudos universalan interkomprenilon; de antaŭ multe da tempo tio estas postulita. Tial multaj filologoj priokupiĝis doni al la

Homaro tiun interkomprenilon; sed nur unu sola venkis: D-ro. Zamenhof, per sia lingvo Esperanto, kiu pruvis ĉiamaniere sian efikon. Baldaŭ certe ĉiuj konvinkiĝos pri tio.

*Julio Mangada Rosenörn*

# PRI PROPAGANDO

Eble mi ripetas pensojn jam esprimitajn de aliaj esperantistoj sed oni devas ripeti fundamentajn ideojn ĝis ilia enradikigo ĉe la esperantistoj. Esperantisto antaŭ ol dediĉi sin al la propagando devas perfekte scii Esperanton kaj akiri iom fundamente konojn pri la nacia lingvo, kaj laŭ eble, ankaŭ pri fremdaj lingvoj. En la propagando estas necese pruvi la perfektecon de Esperanto kaj ofte nuligi la kontraŭajn rezonojn de la ne-esperantistoj, Se la propagandisto ne estas bone armita li estos venkata kaj anstataŭ propagandon li faros malpropagandon, tio estos, li tute malsukcesos. Mi rimarkis ke estas esperantistoj tre entuziasmaj kiuj, anstataŭ paroli Esperanton, balbutas ĝin, anstataŭ scii, ke Esperanto superas en perfekteco ĉian nacian lingvon scias nenion pri tio, aŭ pensas la malon. Tiaj esperantistoj ofte estas malutilaj, kiam ili bezonas diskuti kun kontraŭuloj: ĉar ili estos devigataj akcepti ke Esperanto ne estas tiom perfecta kiom ĝi estas.

Apogita sur tiaj eraroj la publiko kelkefoje konsentas pri la utilo de Esperanto sed diras al ni: Esperanto servos por komercaj aferoj kaj pleje por teknikaj, sed ne por la literaraturo kaj neniel por la poezio. Al tiaj personoj oni devas respondi konforme kun la plej konvinka metodo, sed ĉiu esperantisto devas scii ke dank' al la perfekteco de Esperanto ni povas per ĝi esprimi pli bone niajn pensojn, pli precize kaj pli perfekte ol per nia patra lingvo, pro tio la verkoj de esperantisto superos samajn nacilingvajn verkojn.

Oni verkis amasojn da ĉiuklasaj artikoloj pri propagando kaj celema esperantisto povas facile sciigi ilin legante la esperantan presaron aperintan en pasintaj jaroj tial ke nuntempe pro la milito oni, pri tio, skribas malmute.

*Victor O. de Allende*

Bilbao en Novembro de 1918.

# LA NUNA MOMENTO

Fine kaj feliĉe por la tuta homaro alvenis la tiel dezirita paco! Bonvenita kaj benita ĝi estu, ĉar redonas al spirito ĉies la tiel sopiritan trankvilecon, momente.

Kun pacemfervora entuziasmo ni devas aplaŭdi la finon de tiu granda krimo, sovaĝa spektaklo, nomita milito, ruinigo de urboj kaj vilaĝoj, kaj buĉejo en kiu oni oferis multenombregajn kamaradojn, kiuj mortis senkonscie, kaj nedoninte ian profiton al homaro.

La milito neniam kaj neniel estas akceptebla, ĉiam abomeninda, ĉar tiu ideo devus malaperi, sed por ĉiam, de la penso de la homoj se ili estus tiaj: melfeliĉe la komercaj kaj politikaj egoismoj multpli povas.

Sed kvankam nia ĝojo kaj entuziasmo estu sincera, ni ne devas forgesi ke la nuna momento estas la plej grava de nia esperanta vivado, ke, neniam plu sin prezentos al ni sama okazo, por plej bone labori favore de nia kara kaj homa celo, ke, dum la kvar militjaroj la esperantaj energioj restadis, preskaŭ dormantaj, krom tiu de malmultaj senlacaj samideanoj.

Geesperantanoj! Al ĉiuj innteresas ke vi atentu pri la eksterordinaraj transformigoj geografiaj, sociaj kaj politikaj de la tuta mondo, ke nia devo estas profiti la nunan mondan situacion por laboradi senĉese por nia kunfratiga kaj neniam sufiĉe laŭdita ideo. Pensu ke ni devas, kvazaŭ heroldoj de paco, propagandi nian celon malgraŭ ĉio kaj kontraŭ ĉio, kaj kvankam nia vojo estu



TURO «GIRALDA» (SEVILLA)

barilplena, ni sen timo estas devigataj sekvi, ĝis la triumfo.

Sennombraj malagrablaĵoj nin atendas, bone! Ni konvinkitaj pri la vero, bono kaj sincereco de nia propagando; ne povas halti; neniam sufiĉe ni laboros por la diskonigo de nia kara lingvo Esperanto, internacia homligilo.

Malgraŭ la milito finiĝis kaj la mondon regas la paco, ni ne forgesos la ekzistado de malamoj post ĝi, kaj devus dediĉi niajn klopodojn por komprenigi pere de nia la boro de paco kaj amo, idealo nekonata de la plimulto, ke, la homoj naskiĝis por interkompreniĝo por ĝui la vivon, kaj ke ĉiuj ŝtataj, religiaj, politikaj kaj rasaj diferencoj nepre devas malaperi por eviti homan sangverŝon, kaj ke la homenergioj dediĉitaj al Industrio, Scienco, kaj Belartoj estos justaj sed neniam al abomeninda konstruado de hommortigiloj!

Dum la nuna stato, ni propagandu tra Hispanujo, helpu la simpatian kaj gravan revuon HISPANA ESPERANTISTO, partoprenante tiamaniere al superhomaj klopodoj de ĝia Direktoro, vera entuziasmulo de nia ideala doktrino, al kiu estas necesa nia helpo por daŭrigf lian entreprenon, ĉiam grava kaj simpatia.

Kiam la monda situacio normaliĝu tiam, ni, kvazaŭ apostoloj de frata idealo devas komenci internacian propapandon, por laŭ eble moderigi tiom da malamoj kaj doloroj.

Gesamideanoj! Atentu pri la graveco de la nuna momento.

*Francisko Piñol*

## RIMARKIGO

Miaj subtenantoj, ne ricevintaj «Tri rakontoj kaj kelkaj versaĵoj» kaj «Pri Cervantes» kaj lia famkonata verko El Quijote», bonvolu sin turnu al la Redakcio petante ambaŭ verketojn. La Redakcio esperas ke la subtenantoj estis atentintaj bone pri LA PETOJ faritaj en la ĉefartikolo, «Al Protektantaj Zamenhofanoj», de mia Oktobra-Novembra numero.

# POR BELEGA LIBRO

*(Daŭrigo)*

**Federico II.ª de Prusujo**

Kuraĝo kaj sagaceco estas tiel komunaj je la banditoj, kiel je la herooj.

Honesteco estas simpla nutraĵo konvena por ĉiaj temperamentoj kaj nutras la korpon neniam ĝin kolerigante.

Estas tre konvene scii paroli kaj silenti ĝustatempe.

Neniam estas pli kruela la tiraneco, ol kiam ĝi montras sin vestantan la puran veston de la naiveco.

Neniam oni sentas pli la tiranecon, ol kiam ĝi parolas kaj agas je la nomo de la leĝo.

La krimoj kuniĝis nepre kiel eroj de ĉeno; avidi gloron kaj ĉiajn plaĉaĵojn postulas elspezojn; por pagi ĉi tiujn, riĉaĵoj estas necesaj; la plej facila maniero havi riĉaĵojn estas ŝteli ilin al la legitimaj posedantoj, kaj por ĝui per ili senriske kaj plezure estas necese ekstermi la viktimojn. Tiel rezonadas la banditoj.

En la penso estas io kvazaŭ epidemio kio infektas similulojn, kio iras de cerbo al cerbo.

Kruelemulo estas malsocietema kaj malafabla pro temperamento.

Ami la liberecon estas la sento plej enradikigita en nia esto.

Same kiel ni naskiĝas sen ĉenoj, same ni deziras vivi tute liberaj je perfortpremado kaj tiraneco.

Oni ne scias pri popolo kiu memvole estis pasinta de la libera stato al servuta stato.

La veraj respublikanoj neniam ŝanĝos sian liberecon akceptante la plej bonan kronregadon: ĉiuj diros valori pli dependi de la leĝoj, ol de la kaprico de unu sola viro.

Ju pli la homo studas kaj meditas, des pli bonaj estos ĝiaj agoj, kaj des pli fruktodona estos ĝia vivo.

Tio, kion oni faras pro timo, estas malkuraĝaĵo aŭ neindaĵo.



BASTIONO DE «DON FADRIQUE» (SEVILLA)

Estas tiel neeble ke princo povu kaŝi siajn malbonaĵojn al rigardo de la popolo, kiel kaŝi la makulojn de la sundisko al okuloj de astronomiisto.

Popolo preferas pli skeptikan princon sed honesta kaj justa, ol ortodoksan kruelan kaj tiranan.

Por diboĉita princo la flatado estas mortiganta veneno, kiu fruktigas la semon de lia natura malvirtiĝo; por virtema princo estas makulo, kiu ŝimigas kaj malheligas la brilon de lia gloro.

La politika scienco estas la sistemo de la scieco kaj saĝeco, kaj ne kateĥismo de malbonintenculoj.

Pli valoras esti kuraĝa, ol tro singardema, ĉar la sorto estas kiel tiuj virinoj nur cedantaj pro perforto; ĉiam ĝi forjetas malkuraĝulojn, kaj preferas la junulojn tial ke ĉi tiuj estas entuziasmaj, sindonemaj kaj kuraĝaj.

Se generalo povus esti samtempe kuraĝa kaj saĝa, li estus preskaŭ ĉiam nevenkebla.

Nenio estas perfekta en la mondo; malvirtemo kaj eraro ĉiam kunestas en la homo.

La ambasadorojn kaj ministrojn loĝantajn en fremdaj kortegoj oni devas konsideri kiel spionojn kun grandaj privilegioj.

La paco kaj feliĉo de la popoloj estas centro al kiu aliras ĉiuj vojetoj de bona politiko, kaj celo de ĉiuj honoraj entreprenoj.

*(Daŭrigota)*

## LA RIDETO

Estas iuj kiuj opinias esti arto la maniero rideti. Estas multaj virinoj kiuj neniam ridas kvankam konstante ridetas. La elegantulinoj de la XVIII.a jarcento ne ŝatis absolute la ridon, ĉar ĝi, kvankam momente, aliformigas la plej belan vizaĝon je malagrabla grimaco. La rideto, kontraŭe, ĉiam estas bela.

Per la rideto oni esprimas amsentojn kaj same taŭgas por la ironio, por flati kaj por sin defendi. Per ruzeta rideto oni donas esperojn kaj atingas simpatiojn...

La rideto estas spegulo, per kiu iu ajn montras al ceteraj sian propran karakteron. Simpatiuloj, kiam ili salutas, ĉiam ridetas, per sincera kaj amema rideto, kaj tial sen hipokriteco. Malbonulo malmulte ridetas; malkonsentemulo, tre malofte; neinteligentulo, neniam; fierulo nur en precizaj momentoj kvazaŭ farante favorojn; vantuloj kaj stultuloj ne scias rideti, tamen ili ridas pro kio ajn eĉ sen kaŭzo.

*J. M. R.*

## HEROAĴO

Post terura batalo inter la germanoj kaj la kunligiĝintaj francoj kaj angloj, en kamphospitalo en Nord-Francujo kuŝis longaj vicoj da vunditoj. Germana ĉefoficiro de la sanecservo kun du asistantoj ekzamenis la vunditojn laŭvive, ordonis la transportadon de la negrave vunditaj al la enlando, kaj tiun de la negrave al la supersalonoj de la kastelo aranĝita kiel provizora hospitalo.

Inter la lastaj troviĝis altranga oficiro angla kat katolika. Li sentis alproksimiĝi sian finon, kaj petis urĝe je pastro helpon; sed nek la germana flegisto, nek la maljuna franca paroĥestro, komprenis la anglan lingvon.

La katolika anglo sopiris pasie komunii, sed antaŭe povi konfesi. Oni venigis la duan flegiston sed ankaŭ li ne povis komplezi la deziron de l' agonianta anglo.

La danĝero graviĝis; la morto alproksimiĝis pli kaj pli. La pastro rimarkis la bonan intencon kaj la signojn de kora bedaŭro de la mortanto kaj dirigis al li pentu sincere. Tiam estos al li permesite ricevi la absolvon kaj la sanktan komunion kaj trankvile morti.

Tamen jen tio, ĉi tiu kore kredema katoliko ne kontentiĝis kaj li igis respondi pere de la germana kuracisto al la pastro: «Ne, ne, mi estas ega pekulo; mi devas konfesi.»

Kaj tiam li leviĝis laŭpove kaj konfesis laŭtvoĉe kun signoj de la plej kora pento siajn pekojn al la kuracisto, petante, ke li sciigu ilin al la pastro. Je la fino li kore manpremis la germanon pro lia granda amservo kaj ricevis animĝoje la absolvon kaj la sanktan komunion.

La kuracisto estis obstina protestanto, sed la sceno estis por li tro fortega. Plorante li sin ĵetis genue al la malsanula lito. Li konvinkiĝis per tio, kion li estis vidinta kaj aŭdinta pri katolicismo. —Pastra moŝto—li ekkriisnun aŭskultu mian konfeson kaj ankaŭ al mi donu la sanktan komunion.

La pastro miris ne komprenante kion li aŭdis, kaj diris: —Tio ne povas okazi: unue vi devas scii katolikan religion kaj tiam mi povos akcepti vin en ĝin.

«—Ja, Pastra moŝto, en mortdanĝero vi do povus tion. Ĉu vi do ne povus zorgi, ke mi mortu kiel ano de l' katolika eklezio?»

—Tiaokaze, certe jes, doktoro!

—Nu, post nelonge, mi devas reiri fronton. Jam pli ol nun oficiro de la sanecservo mortis praktikante sian profesion.

Pro la persistado de la kuracisto la pastro estis devigita komprenigi al li grandskize katolikan kredon. Tiam la kuracisto laŭte elparolis la kredon, konfesis, kondiĉe estis baptita kaj poste ricevis la sanktan komunion.

Plenfeliĉe, animĝoje, li manpremis kun koraj dankesprimoj la pastron por poste rapidiĝi al posteno fronten.

Tiu nokto mem, malamika grenado mortigis lin. Sendube li mortis por supre, ĉe Dio, renkonti la anglan oficiron kaj en eterna amo kune danki Dion.

*G. J Degenkamf (Ulrecht)*

Tradukis el «Bode van de H. Familie».

AVERTO

Ni sendas la revuon al ĉiuj Zamenhofanoj kaj ni rimarkigas, ke de la Centra Poŝtoficejo deiras perfekte pretigitaj ĉiuj specimenoj; certe la ricevantaj poŝtoficejoj estas kaŭzo por perdo.

# La Grafoj de Palazuelos

(HISPANA LEGENDO)

**Originale verkita de *Julio Mangada Rosenörn*.**

*(Fino)*

Je la tagmezo proksimume, reĝa paĝio prezentis al Johano II[a] de kastilujo ringon dirante samtempe: «Kavaliro kirasvestita, kies vizaĝon kaŝas la viziero de la kasko, donis al mi por Via reĝa Mosŝto ĉi tiun ringon, atendante Viajn ordonojn.»

—Kavaliroj sciigu al ĉiuj korteganoj ke ili alkuru al la trona salono, kaj vi - sin turnante al la paĝio—venigu al mi tiun nekoniton.

La Reĝo okupis la tronon; la gekortteganoj. altrangaj oficistoj kaj kapitanoj de la militistaro ĉirkaŭis la tronon.

Tra la pordo de la salono aperis apud la paĝio militisto kun nigra kiraso sur kies kasko flagris nigraj plumoj, kaj dum ambaŭ antaŭeniris en la tronon, oni aŭdis murmuron: —La defendinto de la breĉo—. Paĝio kaj nekonito alvenis al la trono kaj ĉi tiu falis genue planken, demetante samtempe la kaskon kaj dirante: —Mia reĝa Moŝto! Mia kapo apartenas al vi, prenu ĝin, ĉar mi estas la Grafo de Palazuelos...!

Grandega emocia surprizo estis, eĉ la Reĝo mem forte emociata interrompis: —Mia malamiko savis mian vivon, kiun miaj perfidaj amikoj volis forpreni el mi!

—Mia reĝa Moŝto! Mi ne estis iam via malamiko; mi ribelis pli kontraŭ la ambiciemuloj kies politiko ruinigas la patrujon, preferis ribeli anstataŭ konspiri ĉe vi. Nun mia reĝa Moŝto, faru justecon.

—Stariĝu Grafo! La Reĝo redonas al vi vian rangon, riĉajojn, terbienaĵojn kaj regadon de Atienza, kaj konsideras vin pli honora ol antaŭe. Via nobla konduto garantias vian fidelecon, pli estiminda ol tiu de la perfiduloj kiuj aŭskultas min. For de ĉi tie, ĉiuj! Nur vi, nobla Grafo, restu kun mi.

La Grafo komplezis la demandon de la Reĝo pri la miraklo supozita kaj forkuro.

La Reĝo konfesis al la Grafo sian ampasion kaj petis helpon al ĉi tiu, ke ĉi tiu zorgu kaj atentu vigle pri Jozefino kaj la frukto de tiu ampasio. La Grafo trankviligis la Reĝon kaj promesis plenumi Liajn dezirojn.

VII

Ĉiuj atienzanoj kunvenis laŭlonge la vojo tra kiu la Reĝo, korteganoj kaj militistaro estos marŝontaj, avidaj ĉiuj rigardadi tiom da lukso.

Jozefino ankaŭ ĉeestis trenita de sia koro.

Silente la popolamaso jam de antaŭlonge rigardadis la pasadon de la militistaro kaj korteganaro, kiam apud la Reĝo rajdanta, akrega krio ŝiris la silenton kaj iris rekte en la koron de la Reĝo, kiu vidis kiel kelkaj viroj kondukis svenintinon, kiun li tuj rekonis. Maltrankvila, la Reĝo alproksimiĝis al la Grafo, kiu rajdis apud li, dirante:

—Kia fatalaĵo! Ŝi estas Jozefino kiu rekonis min! Zorgu kaj atentu pri ŝi!

—Trankviliĝu mia reĝa Moŝto—kaj la Grafo sin turnante al sia paĝio ordonis lin iri en la domon de Jozefino.

La okazintaĵo, kiun kaŭzis Jozefino, sciante kiu estis ŝia amato, estis preskaŭ neatendita. La popolamaso disiĝis kaj reiris hejmen dum la kortego vojaĝis al Valladolido.

VIII

La Grafo de Palazuelos, de tiam granda amiko eĉ konsilanto de la Reĝo, rekonstruis la kastelon kaj regadis la atienzanojn tiel bone kiel antaŭe kaj ĉiuj estis kontentaj, ĉar la Grafo ĉiam celis la feliĉecon de sia urbo.

Jozefino terure malsaniĝis, kaj por savi ŝin, la kuracisto de la Crafo, kiu de la nuna momento ŝin flegis, estis devigata abortigi ŝin, kaj kiam ŝi resaniĝis, ŝi iris en Valladolidon kaj monaĥiniĝis.

La patro de Jozefino neniam sciis sian malhonoron, kaj la Grafo nomis lin administranto kaj konsilanto de la urbo, kaj komisiis lin por studi la industrion pri teksaĵoj de aliaj urboj celante plibonigi tiun de Atienza.

---

# KURIOZAĴOJ

## LA KORTBIRDOJ EN ĤINUJO

Ĥinujo estas iando plej riĉa pri kortbirdoj. Ĉiu ĥino manĝas ĉiujare almenaŭ kelkajn kokinojn. kelkajn anserojn, kaj kelkajn anasojn.

Oni preparas la anasviandon diversmaniere; ankaŭ oni faras el ĝi konservaĵojn kiujn oni eksportas ĉie. Por prepari la ovojn oni gardas ilin en argilo kej kalko ĝis kiam ili havas kvalitojn similaj al tiuj de la fromaĝo.

Sur la kanaloj kaj riveroj de la Suda kaj Centra Ĥinujo estas grandaj aroj da anasoj, birdo multe pli ofta ol la kokino. La kamparanoj paŝtas ilin kvanzaŭ ili estu ŝafidoj kaj gvidas ilin tre lerte per longa bastono el bambuo.

## LA ĤINOJ KAJ LA PULOJ

La ĥinoj povas instrui nin pri la arto ĉasi pulojn.

En kelkaj sudaj provincoj estas filantropaj asocioj kiuj disdonas ĉe la malriĉuloj simplajn pulĉasilojn, konsistantaj el du bambuaj kanoj longaj je 30 centimetroj eniranta unu en alian. La ekstera kano, larĝa je kvin centimetroj, havas laŭlonge fendojn; la alia, larĝa je du centimetroj, estas ŝmirita el gluaĵo miksita kun dubenigra likvaĵo, kiu altiras la insektojn, kiuj eniras tra la fendoj kaj restas algluataj.

Oni metas tiujn ilojn en la litoj, en la ĉambroanguloj, kaj tuje alkuras en ilin la puloj. Ilia uzado devus esti deviga en la landoj kie estas ofta la pesto, kiu, oni ja scias, sin propagas per la puloj.

# SPRITLUDOJ de NOVEJARQUE

## SOLVOJ

De la Mozaiko:

```
       A
   KA NA LO
A  NA LO GI O
   LO GI KO
       O
```

De la Zoologia Hieroglifo:

LIMAKO

Sendis la solvon de la spritludo S-roj. P. Naranjo kaj Rodríguez, el Jerez kaj Madrid.

## INTERMEZO

2

Metante la ĉi supran ciferon en la EGALDISTANCON DE DU EKSTREMOJ ni trovos

**SPECON DE POLIPO**

## HIEROGLIFO

63 ℓ

La solvoj en venonta numero.

# ENHAVTABELO

## GRAVURAĴOJ

### PORTRETOJ



### VIDAĴOJ

# ANONCFAKO

Senpaga por la membroj de Zamenhofa Federacio kaj ĝiaj protektantoj

Infanoj lernantaj Esperanton deziras korespondadi pk. kun kamaradetoj samnaciaj kaj alilandaj. Adreso: Esperanta kurso por infanoj-Sd. Coral «Juventud Tarrasense».—*Tarrasa* (Hispanujo).

---

S-ro A. Tomás Iglesias el *Santander* (Hispanujo), strato Cervantes, 13, deziras interŝanĝi pk. kaj pm. Pri pm. li uzas katalogon Ivert & Tellier-1916.

---

La lernantoj de unugrada kurso esperanta ĉe «Aplec Esperanta Grupo» (Via Masague, 55. *Sabadell.* Hispanujo) akceptas korespondadi kun ekster-kaj enlandaj gesamideanoj per leteroj kaj ilustritaj poŝtkartoj.

---

F-inoj Paz kaj Luz Barbé, strato Marqués de Santa Ana, 45.—Madrid (España), deziras interkorespondadi per ilustritaj poŝtkartoj.

S-ro Benigno Luna interŝanĝos ilustritajn poŝtkartojn kun fremduloj. Adreso: strato Luisa Fernanda, 18.—Madrid (Hispanujo).

---

S-ro Nestor Alvarez, strato Mendizábal, 56. Madrid (España), interkorespondados per ilustritaj poŝtkartoj.

---

Luis Rodríguez Escartín, strato Ilustración, 8.—Madrid, deziras korespondadi kun ĉiulandaj gesamideanoj.

---

Jesús Ramírez.-Strato Cabestreros, 10 kaj 12.—Madrid (Hispanujo), interŝanĝas poŝtmarkojn.

---

S-ro José E. Pedraz el *Santander* (Hispanujo, strato Rua Menor, 32, deziras interŝanĝi pk., pm., esperantajn gazetojn kaj esperantaĵojn.

---




Tip. Pasaje del Comercio, 8.—Madrid